4-a JARO JULIO 1912. 9a NUMERO (45)

# BELGA ESPERANTISTO



MONATA REVUO



*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

**Redakcio** :
OSCAR VAN SCHOOR
20, VONDELSTRAAT
(20, rue Vondel)
ANTVERPENO

**Administracio** :
FRANS SCHOOFS
45, KLEINE BEERSTRAAT
(45, rue de la Petite Ourse)
ANTVERPENO



## Konkurso Conscience.

Belga Esperantista ricevis la sekvantajn verkojn por la konkurso Conscience.

1a kun devizo = Li lernigis sian popolon legi.
2a » » » Espero en Esperanto.
3a » » » Amiko de la vero.
4a » » » ? ! .
5a » » » P. olicano.
6a » » » Os. As. Is.
7a » » » Ĉiu estas la infano de siaj klopodoj.
8a » » » Al ni la estonteco !
9a » » » Per perfekta interkonsento ĝis la venko.
10a » » » 7a.
11a » » » Crabio.
12a » » » Arbara hejmo.
13a » » » Nur antaŭen !
14a » » » Esperantujo estas nia patrujo.
15a » » » Amu unu la alian.
16a » » » Nur antaŭen.
17a » » » En Venezia gondolo.
18a » » » Al vi.
19a » » » Vivu Esperanto !

La juĝantaro nuntempe legas la verkojn kaj en la septembra n° de nia ĵurnalo ni publikigos la rezultatojn.

Ni eble publikigos ĉiujn tradukajojn, kune kun vivpriskribo de H. Conscience en la oktobra aŭ novembra n° de Belga Esperantisto.

B. E.

# Universala Esperanto-Asocio (U. E. A.)

Kiel la lastan jaron, UEA. faris statistikon de la servoj plenumitaj de la Delegitoj dum 1911. Jen la kompara stato de la servoj dum 1909, 1910 kaj 1911:

| | 1909: | 1910: | 1911: |
|---|---|---|---|
| Komerco: | 1120 | 1513 | 2698 |
| Junuloj: | 218 | 402 | 528 |
| Turismo: | 650 | 631 | 1258 |
| Servoj al vojaĝantoj: | 628 | 1110 | 1704 |
| Diversaj servoj | 940 | 3750 | 4293 |
| Sumoj: | 3556 | 7402 | 110475 |
| Nombro de la korespondaĵoj | | | |
| de la Delegitoj: | 5754 | 16651 | 19075 |
| de la Centra Oficejo: | —— | 23940 | 34355 |
| Gazetartikoloj pri UEA. | 326 | 6063 | 363 |
| Paroladoj pri UEA. | 218 | 464 | 547 |
| Esperantaj kursoj: | —— | 739 | 1036 |
| Partoprenantoj ĉe la Esp. kursoj: | —— | 11941 | 16530 |

Laŭ ĉi tiu tabelo oni povas konstati regulan kreskadon de la faritaj servoj.

La stato de la Esperantianoj je la julio 1912 estis la jena: 8282 membroj (maksimumo ĝis nun atingita), 300 Esperantiaj Entreprenoj; 430 membroj de Interŝanĝa fako; 86 membroj de Laborista fako; 128 membroj de la virina fako.

La tria kongreso de UEA. okazos en Krakovo dum la Oka Kongreso Esperantista. La kosto de la kongreskarto estas 2. — Sm. Helpkongresanoj, kiuj ricevas la kongresdokumentaron pagas 1 Sm.

Por faciligi la veturadon al la kongreso, UEA. aranĝos du karavanojn laŭ la jena vojo: Unu karavano foriras el Parizo la okan de aŭgusto kaj tra Nancy, Strassburg. Karlsruhe. Stuttgart atingos München la 7-an. Alia karavano foriros el Lyon la 6-an de aŭg. kaj tra Geneve, Bern, Zürich, Lindau atingos München la 7-an. En München ambaŭ karavanoj kuniĝos, vizitos la urbon kaj foriros la 9-an tra Salzburg al Wien. La 10-an okazos vizito de Wien kaj la 11-an alveno en Krakovo.

La personoj, kiuj deziras detalajn informojn pri tiuj karavanoj, estas petataj sin turni al la karavanestroj: Sro. L. Poncet. 78 rue de l'Hotel de Ville — Lyon; kaj Sro. M. Genermont, 71 rue Monge — Paris aŭ al la C. O. de UEA., de kiu ili ricevos dum julio cirkuleron kun detalaj informoj pri la horoj, prezoj ktp.

Ĵus aperis la 1-a aldono al la oficiala jarlibro de UEA., kiu enhavas ĉiujn adresojn de novaj Delegitoj, ŝanĝojn ktp. Ĝi estas necesa al ĉiuj personoj ofte uzantaj la servojn de UEA. (Prezo 10 SD.)

(Oficiale komunikita).

# La Kvina Brita Esperantista Kongreso

Niaj britaj Samideanoj kunvenis tiun ĉi jaron en la bela verda Irlando. Ĉar la britaj naciaj kongresoj jam okazis en Anglujo, en Skotlando kaj en Kimrujo, oni decidis montri al la mondo ke nia kara lingvo progresas ankaŭ en la Insulo de Sta Patricio. La elektita kongresurbo estis Portrush, marbanurbo kiu kuŝas je la nordo de Irlando en la Graflando de Antrim kaj en la Provinco de Ulster, proksime de la fama «Giants Causeway» (la Ŝoseo de la Giganto).

La Kongreso estis sukcesa. Lord Aberdeen, Vicreĝo de Irlando afable akceptis la titolon de altprotektoro, kaj la Rektoro (Provost) de la Universitato de la Sta Triunuo en Dublin, la titolon de Patrono de la Kongreso. Sabaton la 26an de Majo la loka Komitato akceptis la kongresanojn en la Urbdomego de Portrush kiu estis al la dispono de la Kongreso dum la tri tagoj. Dro J. C. Martin, la Prezidanto de la Portrusha Grupo faris bonvenan paroladon al la vizitantoj. Post ekskurso al la Ŝoseo de la Giganto, okazis vespere en la Urbdomego, tre sukcesa propaganda kunveno. Inter la oratoroj oni precipe aplaŭdis Kolonelon Pollen, S-ro Bolingbroke Mudie, la Prezidanto de la Brita Esperantista Asocio, kaj S-ro Jameson Johnston de Dublin.

La dimanĉon okazis Diservo en la Preĝejo de la Sta Triunuo je la 10a matene. La preĝoj, himnoj kaj prediko, estis en Esperanto. La predikanto estis la Reverenda R. P. Meredith kiu flue parolas esperante.

Vespere la Diservo okazis en la Metodista Kapelo, kie pluaj samideanoj parolis al la ĉeestantoj esperante.

La labora kunveno de la kongreso okazis lundon en la granda halo de la Urbdomego. Oni pritraktis tre gravajn temojn pri Internacia propagando k. t. p. kaj poste sendis dankajn telegramojn al Lord Aberdeen la Vicreĝo, al Sir Vezey Strong, eksurbestro de Londono kaj simpatian telegramon al la familio de la tre bedaŭrita S-ro W. Stead, dronita en la ŝippereo de la *Titanic*.

La nova Prezidanto de la B. E. A. inaŭguracias sian funkcion per la malavara donaco de £ 100 = mil spezmiloj, por propagandaj servoj.

Merkredon multaj el la kongresanoj vizitis Dublin kie S-ro Mudie faris paroladon en la fama « Regents house hall de la Universitato », antaŭ la Rektoro kaj multaj Profesoroj de tiu konata ĉeflernejo.

La ĝenerala opinio estas ke la sukceso de la Irlanda Kongreso egalas tiun de la 4 antaŭirantaj britaj kongresoj, pro tio ni kore gratulas la ageman lokan komitaton. La proksima brita kongreso okazos en Eastbourne, Sussex.  A. R.

# Humila Averto

De tempo al tempo mi havas la okazon ĉeesti babiladojn inter eminentaj esperantistoj. En la lastaj tagoj mi sukcesis kapti grandan sekreton : ŝajnas, ke dum unu el la proksimaj dimanĉoj okazos en Bruselo kunveno de la Liga Komitato, kiu estos treege grava ! ! Ĝis nun estus jam 21 temoj priparolotaj. Ŝajnas ankaŭ ke la prezidanto de la Ligo intencas enkonduki novan aranĝon por la komitatkunvenoj, kiuj, kiel oni scias, okazas dimanĉe. Ordinare oni havas unu kunsidon kiu komencas je la 10a matene kaj daŭras ĝis plenumo de la tagordo. Evidente estas, ke dum tiuj kunvenoj oni regule malŝparas la tempon en la komenco. Kiam la delegitaro devas ankoraŭ ekzameni 3 aŭ 4 temojn, estas ĝenerale la 1-a h. posttagmeze, kaj ĉar ĉiuj ĉeestantoj ekmalsatas (kelkaj el tiuj malfeliĉuloj forvojaĝis jam tre frue el sia urbo) ĉiuj diskutoj estas rapidege faritaj kaj ĉiuj decidoj urĝege eĉ iom konfuze prenitaj. Ŝajnas do ke la prezidanto volas enkonduki novan sistemon. Li konsideras ke, ĉar la grupoj elspezas multe da mono por kaj pro la Ligo kaj pro la komitataj kunvenoj, ĉi tiuj kunvenoj devas esti proporcie fruktodonaj kaj li do proponas komenci la kunsidon je la 10-a, fermi ĝin je la 1-a, por permesi ke la delegitoj tagmezmanĝu, por ke ili, kun « novaj fortoj » povu rekomenci « trankvilan » laboron je la 3a ; la dua kunveno de la komitato finiĝos je la 5a. Persone mi nur povas aplaŭdi la intencon de la prezidanto, sed oni ankaŭ permesos al mi, humila batalanto, fari malgrandan rimarkon : mi tute ne estas certa ĉu la delegitaro estos ankoraŭ sufiĉe multnombra dum la posttagmeza kunsido. Multe da delegitoj prave diros ke ili ne povas ĉeesti tiun parton de la kunveno, ĉar ili devas ree esti en sia urbo pro aferoj aŭ pro familiaj kaŭzoj.

Pro tio mi permesas al mi peti la grupojn, ke ili sendu al kunvenoj de la Komitato Liga nur delegitojn, kiuj promesas kaj estas antaŭe certaj ke ili povas plenumi la tutan laboron kiun la societoj kaj la Ligo de ili postulas. Ili do sendu nur personojn, kiuj povos ĉeesti la du partojn de la kunveno.

Mi atentigas la grupojn kaj la delegitojn pri la jenaj paragrafoj de la regularo de nia Belga Ligo : « La komitato povas voĉdoni *nur* se almenaŭ la *duono* de ĝiaj membroj ĉeestas la kunvenon », « Se iu delegito ne povos ĉeesti en ia kunveno de l' komitato li *devas* sin anstataŭigi laŭ reguloj difinitaj de l' grupoj mem ».

Ke ĉiuj aliĝintaj societoj faru do la necesajn aranĝojn por ke oni ne risku bedaŭri tro malfrue ke la bonvolemaj kaj agemaj delegitoj estu devigataj ĉesi sian laboron pro neĉeesto de kelkaj el la kunkomitatanoj.

BARGOF.

# BELGA KRONIKO

*Ni insiste petas ĉiujn grupojn kaj ankaŭ la disajn samideanojn, ke ili sendu, kiel eble plej akurate, informojn pri sia societo aŭ ĉiuspecajn sciigojn pri Esperanto, plej malfrue la 25an de ĉiu monato, al « Belga Esperantisto », 20, Vondelstraat (rue Vondel), Antwerpen (Anvers). Tre danke nia redakcio ankaŭ ricevos la ĵurnalojn, enhavantajn artikolojn pri nia movado.*

**ANTWERPEN.** —**La Verda Stelo** — Dum sia ĝenerala kunveno,en kiu ĉeestis 35º da membroj, tiu vigla grupo priparolis la Gentan Kongreson. Post la raporto, verkita de la Sekretario, oni tre laŭdis la Organizan Komitaton kiu tiel brile sukcesigis la 4an Belgan Kongreson, sed samtempe oni tre bedaŭras ke la elekto pri ses komitatanoj por la Belga Ligo, ĵetis malhelan makulon sur tiun belan Kongreson. La ĉeestantaro decidas kunvoki specialan kunvenon de ĉiuj antverpenaj partoprenintoj por komune pristudi la necesajn rimedojn por aranĝi la situacion.

Jaŭdon, 27an de Junio finiĝis la dua kurso de la nuna jaro. La profesoro S-ro Fr. Schoofs, alparolinte siajn lernantojn, instiĝis ilin al daŭrigo de iliaj priesperantaj studoj,al praktika uzado de nia kara lingvo kaj al vigla kaj senlaca propaganda por nia nobla celo. F-ino M. Klingelhoets, je la nomo de la lernantoj, kaj S-ro L.Van de Voorde, je la nomo de la grupo varme dankis la lertan profesoron.

La Julia ĝenerala kunveno okazos merkredon la 24an je la 8 1/2 vespere en la sidejo « Zomerhof», Dageraadsplaats, 30.

LEONO

**GENT**. —Sabaton, 29an de Junio, je la 9a vespere, S-ro Van Eecke, lernejestro de Genta komunuma lernejo kaj diplomita profesoro de Esperanto malfermis novan kurson en tre grava Societo « Van Crombrugghe's Genootschap », Achterlei, en kiu tridekkvin lernantoj ĉeestis. Niajn plej korajn gratulojn kaj dankojn al la nova sindonema propagandisto.

E. C.

**VERVIERS.** — La 19an de majo, ĉe la Verda Stelo, S-ro Henri Stembert faris la paroladeton pri la « Societo por la Defendo de la Fagne ». Nia samideano ricevis grandan sukceson.

La 10an de junio, S-ro Ernest Lange komencis ĉe la « Geflegistoj » esperantan kurson, kiun sekvas ĉirkaŭ kvindek membroj.

La 23an de junio, multaj membroj el la Esperantista Grupo kaj el la Verda Stelo kunigis en Sart kun membroj el la Spa'a Grupo, kaj faris ekskurson al la bela rivereto « La Hoëgne ».

Oni tre bone amuziĝis kaj oni jam decidis fari trian ekskurson al la Gileppe, la 4an de aŭgusto kun la Aĥena grupo. Tre certe, tiu projekto ricevos ankaŭ grandan sukceson. JOS. PIRNAY.

---

# EKSTERLANDA KRONIKO

**Anglujo.** — Nun alvenas la somera sezono en kiu oni ne plu en ĉambro faras paroladojn, sed kiam oni sub ĉiele promenadas kaj faras belajn ekskursojn, gaje parolante esperanton. Tia ekskurso okazis lastan monaton (majo).La Londona klubo elektante la plej belan sunoplenan tagon de l'monato, iris al *Kew* (diru kju),botanika ĝardenego tie nomata,kaj ĝuis tie 183 samideanoj belegan promenadon, finantan per teo, kaj belan enĝardenan koncerton. Novaj Grupoj stariĝis en Rugby kaj en West-Leeds (socialista grupo). Pli ol 50 neesperantistaj ĵurnaloj citis favore Esperanton dum la lastaj kvar semajnoj.

Nova Angla klubo por internaciaj instruistuloj nomata. «The nobodies» (la neni uloj) fondiĝis, kaj al tiu, Pola samideano, D-ro Bhizicky estis permesata paroli pri Esperanto dum malmultaj minutoj, en kiuj li antaŭmetis la esencon de nia movado. Esp· kurso do komencis en tiu klubo, kies devizo estos : Paco, progreso, frateco kaj humaneco.

La oka nacia Packongreso, okazis en Majo ; tiel S-o Kol. Pollen kaj S-ro Mann estis la elektitaj delegitoj de l'Londona klubo, kaj ili parolis fervore pri nia afero. La prezidanto de l'kongreso konsentis, ke esperanto helpos la pacmovadon ; li diris ke la unuigo de Eŭropo ne plu estas nur afero inter diplomatoj kaj registaroj, sed ke ĝi fariĝos unuiĝo ankaŭ de l'*popolo* en la tempo *kiam Esperanto estos libere uzata inter la nacioj* Alia nova klubo fondiĝis en Londono: «la Cosmopolitan Club» kiu celas faciligon de socia interkomunikado, kaj reciproka interkompreno de l' studentoj de diversaj racoj en la Universitatoj en Londono. Tiaj jam ekzistas multaj en la ĉeflandoj urboj de Europo. Kolonelo Pollen, kiu ĉeestis, parolis pri Esperanto, « kiu helpos por kooperacio inter la nacioj ». Ankaŭ S-ro V. Moscheles parolis pri nia lingvo.

La Brita Dentista Asocio en lasta tempo decidis uzi Esperanton por sia internacia laboro ; kaj nun plie la konata firmo de «Edwart Dental manufac turing Co. Ltn.» (Dentfabrika kompanio). Londono, E. C. —30 Finsbury Pavevement uzas Esperanton *por korespondado*. Oni tion anoncis en la trimonata gazeto de tiu firmo. La kooperativa *loĝejaro por Virinaj laborantoj*,( 7, 9. Millman str. Great Ormond str. W. C ) aranĝas duan Esperantan rondon.

**Avizo.** — S-ro H. H. Elvin, Ĝenerala Sekretario de la «National Union of Clercks », 194-200, Bishopshate, Londen E. C., sciigas al ni, ke li estas organizanta vojaĝon tra Nederlando kaj Belgujo, kiu okazos de la 10a ĝis la 26a de aŭgusto. La ekskursantoj vizitus Den Haag, Rotterdam, Amsterdam, Antwerpen, Brussel, Gent, Namur, Dinant, kaj Oostende. La organizanto dezirus interrilati kun esperantistoj loĝantaj en la suprecitita, urboj.

Oni raportas ke sesdek el la Londona urbopolicanaro lernas Esperanton, kaj oni esperas ke ili ricevos permeson porti la steleton. En junio okazis la ĉiujara Esperantisto festa, en la blankurbo ekspozicio Kvincent Esperantistoj ĉeestis el diversaj landoj kaj reprezentis dekkvar naciojn. Oni faris bonan propagandan kunvenon por la neesperantistoj kaj la koncerto finis la tagon. Esperantista edziĝo okazis inter S-ro F. C. Corvell, kaj F-ino Daisy Grant, ambaŭ Nordstelanoj. Plie fianciĝis S-ro M. Creight Brown (New-Castle) kun f-ino M. Mc Kollar Pitcairn (Rumanujo).

**Svedujo.** — La gazeto « Esperantofolket » reaperis en majo post unu jara halto kaŭzita de diversaj malfacilaĵoj. La monata gazeto « Fyrvägplingen » organo de la gejunula «Exelsior »-asocio en provinco Vestergötland komencis specialan fakon pri kaj por Esperanto. Por la somermeza kunvenego de nomita asocio, parolado pri la internacia helplingvo estas enskribita sur la programo. Kunveno ĕn Stockholm de Esperantistoj el la tuta lando estas priparata por la tagoj 14-15 de julio.

**Svisujo.** — La svisa gazeto « Svisa Espero » aperas nun alternante kun « Monda Poŝto » (eldonisto Thalman, Fischenthal, Zürich) 2 foje ĉiumonate, kaj estos en tiu formo pli bona propagandilo ol ĝis nun. Le Svisa Esperanto Societo kunvenis la 25an de Junio en Meggen apud Lucerno, beleta loko ĉe la lagbordo. La kunveno kaj festeto bone sukcesis. Samtempe okazis en la sama loko kunvenoj de svisa Esp. Kuracisto Asocio kaj distrikta kunveno de U. E. A. La Svisa samideanaro ĉiam kuraĝe kaj fervore propagandas kaj praktikas la Zamenhofan lingvon. J. W.

**Urugvajo.** — Plezure mi akceptas vian proponon, kiu honorigas min, pri la sendo de informoj pri nia esperanta movado, kiu, bedaŭrinde, estas tre malforta. La pasintan monaton oni malfermis en Montevideo senpagan kurson ĉe la « Urugvaja Lernejo » privata kaj grava lernejo, kies

ĉefprofesoro estas favora al nia afero. La kursoj okazas trifoje ĉiusemajne; ĉeestas multaj viroj kaj kelkaj virinoj. Paul V. Idoyaga.

**Usono.** — Oni sciigas nin el Boston, Massachusetts, ke nia fama samideano Dro Agostino Levanzin, el Malta insulo, kiu plenumis longan scienceksperimentan faston en la Carnegie Institute, faris en Boston la 18an de Junio gravan per kaj pro esperantan paroladon kiu havis multe da sukceso.

# Asiria reĝo Asarĥadono.

el originala rusa fabelo de L. Tolstoj
esperantigis **F-ino Anna Ŝarapov** (Moskvo-Rusujo)

ANTAŬPAROLO.

La ideo de la rakonto « *Asarĥadono, reĝo asiria* » ne estas mia propra : mi ĝin prenis el rakonto de anonima aŭtoro, presita en la germana revuo « *Theosophischer Wegweiser* » (Teosofia vojmontrilo, N° 5, 1903 kaj titolita « *Das bist du* » (ĝi estas *ci.*)

L. Tolstoj.

Asiria reĝo Asarhadono almilitis la regnon de la reĝo Zailio, detruis kaj brulis ĉiujn urbojn, ilian tutan loĝantaron transpelis sian landon, la militistojn mortigis, kaj Zailion mem, la reĝon enŝlosis en kaĝon.

Kuŝante nokte sur sia lito, reĝo Asarĥadono pensis pri tio, kiel ekzekuti Zailion, kiam subite li ekaŭdis apud si susuron kaj, malferminte la okulojn, ekvidis maljunulon kun longa griza barbo kaj mildaj okuloj.

— Ci volas ekzekuti Zailion ? demandis la maljunulo.

— Jes, — respondis la reĝo : Mi nur ne elpensis, per kia ekzekuto lin ekzekuti.

— Sed Zailio estas ja ci, diris la maljunulo.

— Ne vere, — diris la reĝo ; mi estas mi, kaj Zailio — Zailio.

— Ci kaj Zailio estas la samo - diris la maljunulo. Al ci nur ŝajnas, ke ci ne estas Zailio, kaj Zailio — ne ci.

— Kion signifas « ŝajnas » diris la reĝo. Jen mi kuŝas sur mola litaĵo, min ĉirkaŭas sklavoj kaj sklavinoj, obeaj al mi ; morgaŭ same, kiel hodiaŭ, mi festados kun miaĵ amikoj, — sed Zailio, kvazaŭ birdo, sidas en kaĝo kaj, morgaŭ li montriĝos, palisumita kun la elŝovita lango kaj konvulsiiĝos, ĝis kiam li mortaĉos kaj lia korpo estos disŝirita de la hundoj.

Ci ne povas neniigi lian vivon, — diris la maljunulo.

---

La nomo mem de la reĝo estas historia. *Asur — ah — idaina* — (*La Dio* Asur donis fraton. Tiu nomo estas citita trifoje en la Biblio.

1) 2. *Reĝnoj* XIX. 37 Asarĥadono, la filo de Sinaĥeribo — Sin - ahi — ireb (La Dio Sin donis multe da fratoj) ekreĝis post li.

2) *Jesajo* XXXVII, 38 — Za sama sciigo. kiel en la antaŭa citato.

3) *Ezdra,* IV, 2 Asarĥadono, reĝo aŝiria, venigis nin ĉi tien.

— Sed ĉu mi ne mortigis 14.000 militistojn kaj el iliaj korpoj kunmetis tie, altaĵon ? diris la reĝo. — Mi vivas, sed ili malestas : sekve, mi povas neniigi la vivon.

— Kial ĝi ŝajnas al ci,ke ili malestas ?

— Ĉar mi ve vidas ilin. La ĉefaĵo estas, ke ili turmentiĝis, — kaj mi ne, — al ili estis malbone, kaj al mi — bone.

— Ankaŭ tio nur ŝajnas al ci. Ci turmentis cin mem kaj ne ilin.

— Mi ne komprenas, diris la reĝo.

— Ci volas kompreni ?

— Mi volas.

— Venu ĉi-tien, — diris la maljunulo, montrinte al la reĝo banujon plenan da akvo.

La reĝo leviĝis kaj alpaŝis la banujon.

— Senvestigu cin kaj eniru banujon.

Asarĥadono faris tion, kion al li ordonis la maljunulo.

— Nun, tuj kiam mi verŝos sur cin tiun ĉi akvon, — diris la maljunulo, ĉerpinte iom da akvo, en' kruĉon ; subakvigu cin tutkorpe.

La maljunulo klinis la kruĉon super la kapo de la reĝo, kaj la reĝo subakviĝis. Tuj kiam la reĝo Asarĥadono subakviĝis, li eksentis sin mem ne Asarĥadono, sed alia homo. Kaj jen sentante sin jam tiu alia homo, li vidas sin kuŝanta sur riĉa lito apud bela virino. Li neniam vidis tiun virinon, sed li scias ke ĝi estas lia edzino. Tiu virino leviĝetas kaj diras al li : « Kara mia edzo Zailio, ci laciĝis de la hieraŭaj laboroj kaj tial dormis pli longe, ol kutime, sed mi gardis cian ripozadon kaj jen vekis cin. Nun la princoj atendas cin en la granda ĉambrego. Vestu cin kaj iru akcepti ilin.

Asarĥadono, komprenante per tiuj vortoj ke li estas Zailio, kaj ne nur ne mirante pri tio, sed mirante, ke li ĝis nun ne sciis tion, leviĝas, sin vestas kaj iras al la granda ĉambrego, kie la princoj atendas lin.

La princoj per ĝistera saluto renkontas sian reĝon Zailion, poste ili leviĝas kaj laŭ lia ordono sidiĝas antaŭ li. La plej aĝa el la princoj ekparolas pri tio, ke oni ne povas pli longe toleri ĉiujn ofendojn de malbona reĝo — Asarĥadono, kaj oni devas militiri kontraŭ li.

Sed Zailio ne konsentas kun ili kaj ordonas sendi ambasadorojn al Asarĥadono, por lin admonì, kaj li foririgas la princojn. Post tio li elektas ambasadorojn el respektindaj homoj kaj instruas ilin detale pri tio, kion ili devas diri al la réĝo Asarĥadono. Fininte tiujn aferojn, Asarĥadono, sentante sin Zailio, elrajdas sur la montojn por ĉasi sovaĝajn azenojn. La ĉaso estas sukcesa. Li mem mortigas du azenojn, kaj, reveninte hejme, festadas kun siaj amikoj, rigardante la dancadon de la sklavinoj.

Alian tagon, laŭkutime, li eliras en la korton, kie lin atendas petantoj, juĝotoj, procesantoj, kaj decidas pri la aferoj, prezentatoj

al li. Fininte tiujn aferojn li ree veturas al sia amata amuzo — ĉaso. Kaj tiun tagon li mem sukcesas mortigi maljunan leoninon kaj kapti ŝiajn du leonidojn. Post la ĉaso li denove festenas kun siaj amikoj sin amuzante per muziko kaj dancado; la nokton li pasigas kun sia amata edzino.

Tiel vivas li tagojn kaj semajnojn, atendante la revenon de la ambasadoroj, senditaj al tiu reĝo Asarĥadono, kiu li estis antaŭe. La senditoj revenas nur post monato kaj revenas kun la fortranĉitaj nazoj kaj oreloj.

La reĝo Asarĥadono ordonas diri al Zailio ke la farito al liaj senditoj, estos farita ankaŭ al li, se li tuj post la reveno ne sendos la fiksitan tributon da arĝento, oro kaj cipresa ligno kaj ne alveturos li mem, por esprimi sian obeemon.

Zailio, antaŭa Asarĥadono, denove kunvenigas la princojn kaj konsiliĝas kun ili pri tio, kion oni devas fari. Ĉiuj unuvoĉe diras, ke oni devas, ne atendante la atakon de Asarĥadono, militiri kontraŭ li La reĝo konsentas, kaj mem, komandante la militistaron, ekmilitiras. La militiro daŭras tagojn. Ĉiutage la reĝo ĉirkaŭrajdas sian militistaron kaj ekscitas la kuraĝon de siaj militistoj. La 8an tagon lia militistaro renkontiĝas kontraŭ la militistaro de Asarĥadono en larĝa valo, borde de rivero. La militistaro de Zailio brave batalas, sed Zailio, antaŭe Asarĥadono, vidas, ke la malamikoj kvazaŭ formikoj kunkuras de la montoj, subakvigas la valojn kaj venkas la militistaron. Tial li sur sia ĉaro, sin jetas meze de la batalo, pikas kaj atakas la malamikojn.

Sed Zailio havas centojn da militistoj kaj Asarĥadono — milojn. Plie, Zailio sentas ke li estas vundita kaj oni lin kaptas.

Naŭ tagojn li kun aliaj kaptitoj marŝas ligita inter la militistoj de Asarĥadono. La dekan tagon oni lin venigas Ninivion kaj metas en kaĝon.

Zailio suferas ne tiom pro la malsato kaj vundoj, kiom pro la honto kaj senforta kolero. Li sentas sin senforta revenĝi la malamikon pro la tuta malbono, kiun li suferas. Solan aferon li povas — ĝi estas senigi siajn malamikojn je la ĝojo vidi liajn suferojn, kaj li firme decidis kuraĝe, senmurmure, toleri ĉion, kio okazos al li.

20 tagojn sidas li en la kaĝo, atendante la ekzekuton. Li vidas, kiel oni kondukas al la ekzekuto liajn parencojn kaj amikojn, aŭdas la ĝemojn de la ekzekutataj : al unuj el ili oni forhakas manojn kaj piedojn, al aliaj — vivantaj oni forŝiras la haŭton, sed li elmontras nek maltranvilon, nek kompaton, nek timon. Li vidas, kiel la eŭnukoj kondukas ligita lian amaton edzinon, li scias, ke ili kondukas ŝin por ke ŝi estu sklavino de Asarĥadono. Kaj tion li ankaŭ toleras senplende.

Sed jen du ekzekutistoj malŝlosas la kaĝon kaj, forte kuntirinte liajn brakojn post la dorso per rimeno, ili kondukas lin al la ekzekutejo, superverŝita de sango. Li vidas la pintan sangkovritan palison, de kiu oni ĵus forŝiris la korpon de lia amiko, mor-

tinta sur ĝi, kaj li komprenas, ke tiun palison oni liberigis, por ekzekuti lin mem.

De li oni formetas la veston. Zailio teruriĝas pri la malgraseco de sia iam fortika bela korpo. Du ekzekutistoj kaptas tiun korpon ĉe malgrasaj femuroj, levas kaj volas faligi, por palisumi. — Tuj — la morto, la neniigo, — pensas Zailio, kaj forgesante sian decidon gardi kuraĝe la trankvilon ĝis la fino, li, ploregante, petegas pri la indulgo. Sed neniu aŭdas lin.

— «Sed tio ne povas esti,» li pensas, — mi kredeble, dormas. Ĝi estas sonĝo. Kaj li penas vekiĝi. — Mi ne estas ja Zailio, sed Asarĥadono, pensas li.

—Ci estas kaj Zailio, kaj Asarĥadono,—aŭdas li ian voĉon kaj sentas,ke la ekzekuto komenciĝas. Li ekkrias, kaj sammomente eltiras la kapon el la banujo. La maljunulo staras antaŭ li verŝante sur lian kapon la restaĵon de la akvo en la kruĉo.

— Ho, kiel terure mi turmentiĝis. Kaj kiel longe! diras Asarĥadono.

— Ĉu longe? — diras la maljunulo. — Ci jus subakvigis la kapon kaj tuj denove ĝin eltiris; ci vidas, la akvo el la kruĉo ankoraŭ ne tuta elverŝiĝis. Ĉu ci nun komprenis?

— Asarĥadono nenion respondis kaj nur kun teruro rigardas al la maljunulo.

— Ĉu ci nun komprenis, daŭrigas la maljunulo, ke Zailio estas ci kaj ke la militistoj, kiujn ci igis mortigi estas ankaŭ ci kaj ne nur la militistoj, sed tiuj bestoj, kiujn ci ĉasmortigis kaj manĝegis dum ciaj festenoj estis ankaŭ ci. Ci pensis, ke la vivo estas nur en ci, sed mi fortiris de ci vualon de iluzio kaj ci vidis, ke, farante malbonon al aliaj, ci faris ĝin al ci.

La vivo estas la uno en ĉio, kaj ci elmontras en ci nur parton de tiu unu vivo. Sole en tiu cia parto de la vivo, en ci mem, ci povas plibonigi aŭ malplibonigi, pliigi aŭ malpliigi la vivon. Plibonigi la vivon en ci mem ci povos nur per tio, ke ci detruos la limojn, apartigantajn cian vivon de aliaj estaĵoj, konsideros aliajn estajojn, kiel cin mem, amos ilin; neniigi la vivon en aliaj estaĵoj ne estas en cia povo. La vivo de la estaĵoj, mortigitaj de ci, malaperis el ciaj okuloj, sed ne neniiĝis. Ci pensis plilongigi cian vivon kaj plimallongigi la vivon de aliaj, sed ci ne povas fari tion. Por la vivo ekzistas nek tempo, nek loko. La vivo estas momento kaj la vivo estas miloj da jaroj; vivo cia kaj la vivo de ĉiuj videblaj kaj nevideblaj estaĵoj de la mondo estas egalaj. La vivon neniigi aŭ ŝanĝi oni ne povas, ĉar ĝi estas nur sola. Ĉio cetera al ni nur ŝajnas.

Dirinte tion, la maljunulo malaperis.

La sekvantan matenon la rego Asarĥadono ordonis liberigi Zailion kaj ĉiujn kaptitojn; li ĉesigis la ekzekutojn.

La trian tagon li vokis sian filon *Asurbanipalon* (1) kaj transdonis al li la regnon. Li mem foriĝis unue en la dezerton, por pripensi tion, kion li eksciis. Kaj poste li marŝadis, kiel migranto, tra la urboj kaj vilaĝoj predikante, ke la vivo estas unu, kaj ke la homoj faras la malbonon nur al si mem, kiam ili volas fari malbononal aliaj estaĵoj.

# BIBLIOGRAFIO

**La Biblio** — III-a libro — **Levidoj** ; el la originalo tradukis D-ro L. L, Zamenhof. — Paris. Librairie Hachette & C°. — Prezo 2.00.

Aperis la tria libro de la biblia traduko verkita de nia kara Majstro. Krom la intereso kiun prezentas la legado de unu el la plej antikvaj libroj de la tero, la fakto ke tiu verko estas tradukita el la originala lingvo kaj ke la esperanta teksto estas verkita de nia Majstro mem devas inciti la esperantajn legantojn akiri tiun bone eldonitan volumon. La nuna libro estas despli interesa ĉar ĝia enhavo rilatas leĝojn kaj kutimojn de Moseo, kiuj regis la Israelan popolon de la plej malnovaj tempaj ĝis nun.

O. V, S.

**August Senoa** : La trezoro de l'oraĵisto. (Kroate : Zlatarovo zlato). El Kroata lingva tradukis Frau Kolar (Krom). Zagreb. Propra eldon. Prezo 1 Sm. p. 290.

Do, ankaŭ en mia patrujo aperis la unua esperanta libro! Kaj tuj : tuta romano, granda, dika, 290 paĝa volumo !

La energio, — kaj precipe la volo de la tradukinto estas vere laŭdinda, sed — bedaŭrinde kun la aldono de tia dua duono de l'konato frazo : — mankis la forto !

Kion ? mi aŭdas jam la demandon, — ĉu vi havas tiom da kuraĝo, ke vi ankaŭ kontraŭ nia estiminda eminentulo : Dro Bein (Kabe) direktas viau plumon ? ¡ — Ĉu ne estas tuj sur unu el la unuaj paĝoj presita : « .... Kaj antaŭdiras plenan sukceson ; juĝante laŭ la stilo de via letero mi ne dubas, ke la trezoro de l'oraĵisto estos vera.— ornamo de nia literaturo. R. Bein, (Kabe)».

Jes, tio estas vera. — S-ro tradukinto mi devas plejakre malaprobi, — eĉ tiam, se la antaŭdiro de nia tre estimata eminentulo estus efektiviĝinta.

Kontraŭ tia reklamo devas protesti precipe mi, kiel samnaciano de l' tradukinto, ke la eksterlandaj esperantistoj kaj nia honorinda S-ro Bein ne prijuĝu nin laŭ la nelojala agadmaniero de l' S-ro tradukinto.

Nun, al la tradukaĵo mem !

S-ro tradukinto unue tute ne atentis la regularon por tradukontoj pri la elekto de tradukota verko. Mi tute konsentas kun la tradukinto, ke « La trezoro de l'oraĵisto » estas vera perlo de l'Kroata literaturo, sed pro tio, ĉar ĝi estas eminente nacia verko laŭ stila kaj tema vidpunkto, ĝi ne estis oportuna por traduko en Esperanton kaj pro tio ankaŭ estis multaj frazoj tre malfacilaj por traduko.

Mi direktas al la tradukinto nur ĉi tiun demandon : kiun eksterlandanon, — kiu ne vidis nian Zagrebon, ĉ furbon de Kroatujo en nuna stato — povas interesi tre ampleksaj priskriboj de l'sama urbo kaj ĝia ĉirkaŭaĵo dum la XVI-a jarcento ?

(1) *Asur-bani-habal* (La Dio) Asuro kreis la filon. Tiu reĝo estas citita en la Biblio sub la nomo *Asnapwer* (Esdro IV, 10)

Due, s° tradukinto tre ofte tradukis ne la sencon, la ideojn de l'verko, sed ĝiajn vortojn, eĉ literojn. Pro tio okazis ke multaj frazoj estas tute ne kompreneblaj por tiuj, kiu ne konas la originalon.

Oni tiom kaj tiom akceptas, ke la tradukaĵo devas esti fotograĵo de l'originalo Estas kompreneble, ke tiu fotografaĵo estas la plej brua kaj fidela, kiom oni povas la saman ideon traduki per la samaj vortoj, sed se tio ne estos ebla, forĵetu la samajn vortojn, kaj esprimu nur la saman ideon, ĉar ĝi estas la ĉefaĵo, la celo, la vortoj estas ja nur rimedoj.

Kelkfoje S° tradukinto faris la kontraŭon : li ne volis esprimi la saman ideon per la samaj vortoj, kvankam li tiamaniere povis plej fidele fotografe la saman ideon. Mi aludas precipe la surskribon de l'verdo. Kial do se tradukinto ne tradukis : « Zlatarovo zlato » laŭvorte : La oro de l'oraĵisto ». Ĉu li ne vidas ke la verkisto mem volis arbitre uzi la samajn radikojn : Zlatarovo Zlato ? Kaj en Esperanto signifus tiaj vortoj la saman ideon kiel en la Kroata originalo.

Kontraŭe, s° tradukinto kelkfoje tiel obstine sekvis la fidelecon de tradukado, ke li fotografis eĉ signojn]! En la originalo troviĝas : « Pomoz, Bog ! (t. e. pomozt Bog) kio laŭvorte signifas : Helpu Dio ! sed, s° tradukinto opiniis, ke li devis konservi ankaŭ la apostrofon kaj tradukis ; Help' Dio ! — kaj tio signifas en Esperanto — nenion.

Mi citas kelkajn ekzemplojn por montri, ke s-o Kolar tradukis nur la vortojn, kaj ne la sencon kaj ideo : ne e tas bone : ili sin laŭdis : Kroate pohvalise se, sed ili fanfaronis ; ili sin haltis, sed : ili haltis. La frazo : « li alepziĝis la metion « estas malbona laŭ gramatika kaj logika vidpunkto. Unue, la kun sufikso *ĝi* kunmetitaj verboj, ne estas transitivoj kaj ili ne povas havi objekton, kaj due la frazo estas tute ne komprenebla. La senco estas ĉi tio : li edziĝinte ricevis la metion, aŭ : li dote ricevis la metion. Ne estas bone tradukita laŭvorte : ducent ĉenojn da tero, sed : ducent akreojn da grundo ; ne : terura avertaĵo al ĉiuj perfiduloj, sed : terura aver, tilo....; ne : ĉe la mueliloj... sed : ĉe la muelejoj ; ne : postlarmaj okuloj, sed: larmoplenaj okuloj , ne ; La popolo sin dislariĝigas. Maldensejo aperis sur la placo, sed : La popolo disigis. La placmezo restis senhoma. Maldensejo estas senarba loko en la mezo de arbaro. (Kabe : Vortaro de Esperanto). — Kiaj estas « pafiloj kun lipharoj » ? Ne estas bone : krudŝtono de ilia rajto sed : fundamenta ŝtono...

Tute malbone estas tradukita la kroata vorto . Zupan (1) : Komitatestro' anstataŭ : departementestro aŭ : guberniestro. S-ro tradukinto konfuzis esperantan vorton : komitato kaj latin-germanan vorton : das Comitat (Kroate ; ĵupanija) kaj al tiu lasta vorto aldonis esperantan sufikson : — estro, kaj — kompreneble — obtenis tute alian esperantan vorton.

Vera sensencaĵo estas : « la novsektanoj en roma imperio *folie* vekiĝas ». En nacia idiomo serbo-kroata tio signifas : are aŭ amase.

Ne estas bone : mallaŭmonten, ĉar mallaŭ signifas ĉi tie nenion. Oni diras : montsupren kaj montmalsupren.

Mi povus ankoraŭ multajn malbonaĵojn citi, sed mi opinias ke la supraj ankaŭ sufiĉas. Mi devas ankoraŭ konstati, ke S-ro tradukinto faris ankaŭ multajn gramatikajn erarojn, kiuj montras la mankon de rudimenta kono gramatika.

Sed, fine mi devas konfesi ankaŭ tion, S-ro tradukinto sukcesis kelkajn partojn tre bele, eĉ modele traduki. Kaj tio igas min konkludi, ke S-ro tradukinto faris sian laboron kun nesufiĉa atentemo.

Do, la alian fojon kun pli multa atentemo, kaj — modesteco ! Anstataŭ la leteron de Kabe, — antaŭmetu S-ro tradukinto (antaŭ sin) lian bonegan — — vortaron !

PO,

(1) elp : Ĵupan.

# Novaj Libroj kaj Ĵurnaloj

**G. Davidov.** — Titolaro de esperantaj verkoj tradukitaj el la Rusa Literaturo, kun antaŭparolo de B. Kotein. Librejo Esperanto. Tverskaja 26, Moskvo. Prezo 10 kopekoj.

**Sino M. Sidlovskaja.** — Princo Serebrjanij. historia romano de Grafo A. Tolstoj. — Librejo Esperanto Tverskaja 26, Moskvo. (Literatura aldono de gazeto « Ondo de Esperanto »

**Panonio.** — 1a jaro, 1a n°, Julio 1912. Jarabono 2 kronoj. — Györ, Vàsàr ter 9 Hungarujo.

**CZESLAW KOZLOWSKI. — Petaloj.** — Aro da versajoj originale verkitaj en Esperanto. Ĉe l'aŭtoro, Kiew, Malo-Vladimirska, 26.

**NORD-GERMANAJ RAKONTOJ** de Heinrich Bandlow, tradukis Ella Scheerpeltz. N° 22 de Esperanta Biblioteko Internacia, Berlin Moller & Borel. Prezo 0,25 fr.

**Sergio Martos, — Deziro de la Diakono.** Novelo el Ukranaj lingvo : esperantigis Anatolo Koĥ. Universa Esperanta Librejo, Genève. Prezo 15 Sd.

**La Internacia Organizo de la Esperanto Movado.**– Kritikaj artikoloj Dro Smulder. Mendebla ĉe So Sleijffers, Prins Hendrikstraat, 93, Den Haag, Nederlando.

**Krakow.** Urbo de Jubilea Kongreso 1912. Ilustrita gvidlibro tra Krakow kaj ĉirkaŭajo. Mendebla ĉe la kongresa organizado en Krakow.

## *DIVERSAJ INFORMOJ*

**Firmo serĉanta** bonan reprezentadon en Bulgarujo sendu proponon kaj kondiĉojn al Atanas P. Koleff, 46, Regentska, Sofio. Bonaj referencoj. Oni korespondas esperante.

—:o:—

Deziras korespondi : S ro M. V. Smirnov, shesternia Citroen, Zavool Jurievskaja, Lefortovo, Moskvo, Rusujo.

## Koresponda Fako

*Misterajoj*, — Ni ricevis la artikoleton titolitan «Misterajoj» kaj ni bedaŭras ke ni ne povas enpresi ĝin. Bonvolu protesti ĉe la Ligo. RED.

## *Gratuloj*

Ni prezentas niajn korajn gratulojn al Fraŭlino MARIA DEMEZ el Verviers kaj al S-ro JOS. PIRNAY, vic-prezidanto de la Esperantista Grupo kaj prezidanto de la Verda Stelo, en Verviers, kiuj antaŭ kelkaj tagoj gefianĉiĝis.

La kediva registaro de Egiptujo dezirante honorigi nian samideanon belgan, la simpatian Fraton Isidore Clé, pro la gravaj raportoj kiujn li prezentis ĉe la kongreso de Kairo, nomis lin Oficiro de la Ordeno de Medjidié.

Niajn korajn gratulojn !

Belga Esperantisto gratulas la novajn gefianĉojn, *F-ino Marie Meurée*, el Charleroi kaj S-ro *Willy Ernst*, komitatano de la karloreĝa Grupo.

## HUMORAĴOJ

A. — Ĉu vi ankoraŭ ĉiam serĉas vian hundon ?
B. — Jes.
A. — Kial vi ne metas informon en la gazeton ?
B. — La malfeliĉa besto ja ne povas legi.

F-ino M. Klingelhoets.

LI SIMILIS AL SIA PATRINO.

Mario (al sia senbarba frato). — Sed, Karlo, kial vi ne havas barbon kiel la aliaj junuloj ?

Karlo. — Cu vi ne ĉiam aŭdis diri, ke mi pli similas al patrino ol al patro ?

Mario. — Jes, Karlo.

Karlo. — Nu, ĉu patrino havas barbon ?

J. J.

SONORIGU !

— Johano, kiam mi dormas, tiam vi devas forpreni la lampon.
— Jes, sinjoro, kiam vi dormas, sonorigu kaj mi tuj venos.

J. J.

NE TURNU LA KAPON.

Serĝento. — Kial vi turnas ĉiam la kapon, soldato ?

Soldato. — Mi faligis ion, serĝento.

Serĝento. — Eĉ se falus la kapo de via korpo, vi ankoraŭ ne bezonas turni ĝin, ĉu vi komprenas ?

J. J.

**Z. ADAM (Zakrzewski)**

# Historio de Esperanto

Verko premiita en konkurso de « La Sepo » 1911

(*Daŭrigo*)

Post tiu solena parolado, entuziasme aplaŭdita, naciaj delegitoj salutis Kongreson je nomo de siaj landoj : Lemaire (belgo) Kuhne (bohemo), de Beaufront (franco), Bendigs (dano), Atila (fino), Mybs (germano), fino Schafer (anglino), pastro Guinard (hispano), Pujula (katalano), Naumann (ruso), Nylen (svedo),

Renard (sviso), Grillon (nord-Amerikano), Atanasov (bulgaro) Bicknell (italo), Ĉejka (moravo).

Ni sentis ke antaŭ niaj okuloj flugas la fantomo de pli bona estonteco, fantomo ankoraŭ tre nebula, kiu tamen de nun ĉiam pli kaj pli korpiĝados kaj potenciĝados. Tiuj Esperantistoj, kiuj apartenas al nia afero ne per sia korpo, sed per sia koro, tiuj ĉiam sentos kaj ŝatos en Esperanto antaŭ ĉio ĝian internan ideon ; ili ne timos, ke la mondo nomos ilin utopiistoj ; ili estos fieraj pri tiu nomo ; ĉiu nia nova Kongreso fortikigos en ili la amon al la interna ideo de la Esperantismo kaj iom post iom niaj ĉiujaraj kongresoj fariĝos konstanta festo de la homaro kaj de homa frateco ! »

La laborojn komencis Gaston Moch, ĝenerala sekretario, kiu konforme al la decido de la Bulonja Kongreso, raportis pri la demandoj resenditaj al la nuna Kongreso, kiujn la Komitato esploris. El ĉiuj proponoj kaj demandoj, kies nombro estis 54, nur kelkaj estis rekomenditaj al la atento de la Kongreso : pri mona helpo de riĉuloj ; pri redaktado en esperanto de ĉiuj avizoj, difinitaj por internacia publiko, pri aldono sur librojn esperantan tradukon de titoloj ; pri pligrandigo de niaj adresaroj per utilaj detaloj ; pri presigo en ĵurnaloj de raportoj pri niaj kongresoj ; pri propagando inter specialistoj ; pri internacia poŝtmarko. La projekto pri elekto en diversaj urboj de esperantaj konsuloj (propono de A. Carles el Béziers kaj de la esp. klubo en Wien) estis diskutita detale koj la kongreso akceptis unuanime.

Demandoj : pri novaj vortoj en naciaj vortaroj (Aymonnier), pri esperanta festotago (O. Simon), pri metodo de instruado de Esperanto — estis resenditaj al la Lingva aŭ la Organiza Komitatoj. La propono de G. Moch pri fondo de Konstanta Komisio de la Kongreso estis akceptita kaj oni elektis : Sebert, Michaux, Schneeberger, Mybs, Hanauer, Mudie, Moch ; krom tio, speciala por ĉiu kongreso loka komitato, estis elektita la Centra Oficejo en Parizo, fondita kaj organizita en tiu ĉi jaro dank al privata helpo de eminenta Esperantisto, kiu deziris resti nekonata. Fine, la Ĝeneva Kongreso elektis Britujon, kiel lokon de la sekvanta kongreso, lasante al anglaj esperantistoj elekton de plej taŭga por tio urbo.

Dum la Ĝeneva Kongreso, Esperanto unuan fojon eniris oficiale en preĝejojn : pastro Guinart (hispano) servis meson kaj pastro Peltier faris predikon esperantan en katolika preĝejo St. François, kaj en templo « l'Auditoire » estis unua protestanta diservo de pastroj Schneeberger kaj Rust. Telegramo de Luiĝi Giambene, prez de Roma esp. grupo, sciigis la kongreson, ke « Sankta Patro favoranime kaj kun speciala plaĉo akceptis revuon « Espero Katolika » senditan al li kaj donis sian Apostolan Benon al Emile Peltier kaj la redaktoroj de tiu revuo. »

Oni diris pri la Ĝeneva Kongreso, ke la urbo komence rigardis Esperantistojn kun iom moka indiferenteco. Oni

ĥifuzis uzon de la urba teatro kaj de la Universitataj saloj por la kongresaj kunvenoj. Sed kiam la grandega salono Victoria-Hall pleniĝis de diversnaciaj samlingvanoj, Ĝenevanôj, sidantaj en galerioj, komence grande mirigitaj, post kelkaj momentoj jam entuziasme aplaŭdis la Esperantistaron. Tiu konkiro restis por ĉiam, ĉar Ĝenevo fariĝis de nun unu el ĉefaj centroj de Esperantismo.

---

La tria Cambridge'a kongreso komencis dimanĉon II-an de Aŭgusto 1907 per tri esperantaj diservoj : katolika kun predikado de pastro Richardson (*) kaj esperantaj kantoj, angla — en Great St. Mary's Preĝejo de pastroj A. J. Edmonds kaj R. C. Brindley laŭ preĝlibro, aprobita de la ĉefepiskopo de Ely kaj tradukita de pastro J, C. Rust ; kongregacia — en Emauuel Preĝejo de Fr. Schneeberger kun prediko de pastro W B. Selbie.

La sekvantan tagon oni vidis en Cambridge'aj stratoj elvokon de malnovaj pasintaj tempoj : la urbestro, St ce en antikva solena robo, antaŭirita de sceptroportisto ; la « Aldermen » en siaj tradiciaj riĉaj kostumoj, kaj en malnovaj urboj kaleŝoj ; Rev. Roberts, Vic. Kanceliero de la Cambridge'a Uuiversitato, profesoroj Boirac, Cart, Bourlet en siaj universitataj roboj, gen. Sebert en akademia kostumo, anglaj, francaj, danaj, hispanaj, oficiroj-iris renkonti Majstron en stacidomo, ornamita de tapiŝoj kaj standardoj, dum en la korto staris taĉmento de rajdistoj « Frentiersmen » en paradaj uniformoj. La alveno de Zamenhof estis salutita per esperanta himno, multenombraj sonoriloj de la Cambridge'aj preĝejoj, krioj kaj aplaŭdoj.

La malfermo de la kongreso okazis vespere en la Cambridge'a Teatro. Al saluta parolado de la Urbestro, Zamenhof respondis :

« Antaŭ tri semanoj finiĝis ĝuste dudek jaroj de la tago, kiam aperis publike la unua libro pri la lingvo Esperanto. Dudek jaroj de laborado por la esperantismo ! kion tio signifas oni komprenos nur iam poste, kiam oni legos la detalan historion de la esperantismo. Multaj el vi konas; la historion de la lastaj dek jaroj de la esperantismo, kiam la longe dormintaj semoj komencis doni la unuajn trunketojn ; sed tre malmultaj el vi konas la historion de la unuaj dek jaroj, kiuj konsistis el senfina, ŝajne tute sensukcesa semado. La historio de la esperantismo iam rakontos al vi pri ĉiuj semantoj. Nun nia afero staras forte. Centoj da miloj da radikoj kaj radiketoj subtenas nian arbon, kiu jam ne timas la venton ; ni faras manifestacion kaj propagandon por la esperantismo ne pro ia utilo, kiu ĉiu el ni persone povas havi de ĝi, sed pro tiu gravega signifo, kiun la esperantismo havas por la tuta homaro, pro tiu komunehoma celo, kiu nin, aktivajn Esperantistojn,

(1) Sankta patro permesis al pastro Richardson « doni sianome papan benon post prediko kaj katolika diservo. se Episkopo konsentus »

altiris al Esperanto ; ni kunvenas ĉiujare el ĉiuj partoj de la mondo, por havi la ĝojon vidi samideanojn, por premi al ili la manon, por varmigi en ni per reciproka renkontigo kaj kunvivo la amon kaj entuziasmon por la ideo, kiun la Esperantismo en si enhavas. Kaj tio ĉi estas la ĉefa esenco kaj la ĉefa celo de niaj kongresoj. Iom post iom Esperantujo fariĝos edukejo de la estonta interfratigita homaro, kaj en tio ĉi konsistas la plej gravaj meritoj de niaj kongresoj.

Vivu Esperanto, sed antaŭ ĉio vivu la celo kaj la interna ideo de esperantismo, vivu frateco de la popoloj, vivu ĉio rompas la murojn interla kiuentoj, vivu kresku kajg.

Post elekto de prezidantaro : kolonelo Pollen, presidanto Mudie, Cunningham (Angl.),Schroder (Aŭstr.),de Beaufront (Frc.), Schmidt (Germ.), Lojko (Ruso), Ahlberg (Svedo), de Saussure (Sviso), Ayza (Hispano) — vicprezidantoj, venis salutoj de diversaj landoj kaj personoj. (1) Inter la delegitoj trovis sin unuan fojon oficiala delegito de Belga registaro, leŭtenanto Cardinal, reprezentanto de la belga militista ministro. (2)

Estis sendita telegramo al la reĝo Eduardo VII, kiu tuj respondis afable, salutante la Esperantistan Kongreson. Lord Roberts, ĉefestro de angla militistaro, nomita honora membro de la kongreso, akceptis kaj dankis pro tiu honoro. Sed unu el plej entuziasmajn akceptojn la kongreso faris al la okdektrijara profesoro de la Cambridge'a Universitato, Mayor, tutmonde fama latinisto. Li parolis komence angle, senkulpigante, ke li nur de tri semajnoj komencis lerni E. ; kelkajn tagojn poste, en la lasta kunsido, Mayor jam parolis Esperante. (3)

Dum kvar kunsidoj ĝeneralaj estis legitaj kaj diskutitaj raportoj pri agado de la Lingvo Komitato, pri la movado inter blinduloj (Cart) : pri internacia monsistemo (de Saussure) ; pri tutmonda festo esperantista (O. Simon), pri fondo de Esperantistujo (Wilhaker) ; pri loko de la sekvanta kongreso, kiun oni decidis organizi en Germanujo.

Sur la revena vojo atendis d-ron Zamenhof solena entuziasma akcepto de la Londona urbestraro kaj de Londonaj esperantistoj. Sir Vezey Strong, « Alderman » anstataŭanto de Londona Lordmajor, salutante la Esperantistojn, afable konfesis, ke « se angla lingvo ne povas fariĝi internacia, ĝi estos Esperanto ! »

(1) H. Fried, partoprenanto de la Haaga Pac-konferenco sendis telegramon : « De la nepaca konferenco en Haag korajn slautojn al la vera paca konferenco en Cambridge. »

(2) La organiza Komitato invitis ankaŭ aliajn registarojn : Portugalujo, Svisujo, Hollandio, Meksikujo, Monakio, respondis nee, aliaj ne respondis.

(3) Mi vidis — diris li, — Pentekostan miraklon : scio de fremdaj lingvoj donita al plej modestaj homoj... Ovidius Naso nun jam ne povis skribi : » Barbarus hic ergo sum, quia non intelligor illi », ĉar post kelkaj horoj li estus povinta ekkrii ĝoje : « non sum barbarus, intelligor omnibus ».

Belan kongreson organizis unu jaron poste la « *Kvaro por Kvara* » (1) : dro Mybs, dro Schramm, Mario Hankel kaj Arnhold en Dresdeno (15-22 a. de Aug. 1908). Tiu kongreso sukcesis la unua ricevi protekton de la Reĝo Frederiko-Augusto de Saksujo. En la honora prezidantaro ni trovas ankaŭ nomojn de Dro Beck, saksa ministro de publika instruado ; Beutler, ĉefurbestro de Dresdeno ; Grafo v. Hohenthal und Bergen, ministro de eksteraj aferoj ; von Metsch-Reichenbach, ministro de la reĝa domo ; von Eriegern, ĉambelano ; ĝeneralo v. Hausen, milita ministro, multaj profesoroj, parlamentanoj, urboj delegitoj.

Oficialaj reprezentantoj estis : Ŝimura, oficiala delegito de la ministro de Instruado de Japanuja ; Straub, oficiala delegito de la Registaro de Usono ; Yemans, oficiala reprezentanto de la Filipina registaro ; Pujula, oficiala reprezentanto de la Provinca Deputitaro de Barcelono ; Adolphe Moynier, oficiala delegito de la Internacia Komitato de Ruĝa Kruco ; Gaston Moch, oficiala delegito de la Internacia Oficejo de Paco. (2)

La urbo Dresdeno donis al Esperantistoj oni povas vere diri : ĉion, kion ĝi posedas, komencante de siaj tramveturiloj, vaporŝipoj, urbdomoj, preĝejoj, reĝaj Teatroj, Lernejon kun 80 saloj kaj ĉambroj, sian grandegan « Vereinshaus » sian Ausstellungspark, — kaj malavaran, monan subvencion por la organiza komitato. La urbanoj de sia flanko faris ĉion por provi siajn simpatiajn sentojn : dum Elbaj veturadoj, la bordoj de la rivero, la urbaj kaj reĝaj palacoj, sennombraj privataj domoj — laŭ kelkaj kilometroj — estis ornamitaj de esperantaj standardoj kaj vespere lumigitaj. Laboristoj salutis nin per krioj « Vivu Esperanto » kaj per premmanoj, policanoj, parolantaj esperante, afable proponis siajn servojn. Diservoj en katolikaj preĝejoj, de pastroj Richardson kaj Pichot, paroĥestro el Monako, kaj en lutera preĝejo, de dro Kuhn sur temo el Mateo 11,10. : Vidante la stelon, ili ĝojiĝis » — komencis la unuan tagon.

Prezidantaro de la Kongreso konsistis el ; Dro Mybs, prezidanto ; Schramm, Arnhold, S-ino Hankel — Vicprezidantoj ; G. Moch, Gabriel Chavet, de Ladevèze kaj S. Winkelmann — Sekretarioj kaj 54 naciaj delegitoj.

Post la malfermo, la oficialaj reprezentantoj : Lange, repr. de la reĝa ministro de la internaj aferoj, kaj Beutler, ĉefurbestro de la urbo, salutis la kongresanojn. Tuj poste Zamenhof

---

(1) Alfred Michaux, organizinto de la unua Bulonja Kongreso, estis nomita « La Unu por la Unua. » — ĉiuj postaj kongresoj sekvis tiun modelon. En Genevo la loka Komitato konsistis el Schneeberger kaj Renard : « La duo por la dua » ; en Cambridge — «La Trio por la Tria» : Pollen, Cunningham, Mudie sekve por la Dresdeno Kongreso estis kreita « Kvaro por la Kvara. » k. t. p.

(2) La registroj de Britujo, Holandio, Monako, Kubo, Siamo, Svisujo kaj Usono, respondis al invito de la konstanta kongresa komitato, ke ili ne povas sendi delegitojn.

komencis sian kutiman malferman paroladon, kiun li finis per tiuj ĉi vortoj : » Esperanto estas nenies propraĵo, la esperantistoj havas plenan rajton fari kun ĝi ĉion, kion ili volas, se ili nur faros ĝin singarde, lojale kaj interkonsente, nur por gardi nian Lingvon kontraŭ anarĥio de la flanko de apartaj personoj;nia lingvo havas sian plej senpartie elektitan kaj el plej kompetentaj personoj konsistantan Lingvan Komitaton, kiu, dependante de neniu mastro, havas plenan rajton kaj plenan povon esplori kaj prezenti al la sankcio de la esperantistaro ĉion, kion ĝi volos. La Bulonja Deklaracio malpermesas nur, ke apartaj personoj rompu la lingvon *arbitre* ; ĝi estas kreita nur por gardi la ekstreme necesan *kontinuecon* en nia lingvo. Se iu el vi trovos, ke ni devas fari tion aŭ alian, prezentu vian deziron al la Lingva Komitato. Se tiu Komitato ŝajnos al vi tro konservativa, tiam memoru, ke ĝi ekzistas ne por la plenumado de diversaj personaj kapricoj, sed por la gardado de la interesoj de la tuta esperantistaro : ke pli bone estas, ke la Komitato faru tro malmulte, ol ke ĝi facilanime faru ian paŝon, kiu povus malutili al nia tuta afero. »

La laboraj kunsidoj okupis 4 kunvenojn : 18an, 19an, 21an, 22an de aŭg en grandega salo de Vereinshaus aŭ en Teknika Lernejo. Post kutimaj salutaj paroladoj de naciaj reprezentantoj je nomo de iliaj landoj (41 nacioj estis reprezentataj).

Inter aliaj ; Irlandio, Islandio, Katalunujo, Finnlando, Rusujo, Brazilio, Hindujo, Ĉilio, Tunizio, Meksikio, Urugvajo, Usonio.

La kongreso priparolis kaj decidis :

Sendi telegramojn al la Germana Imperiestro, al la Reĝo de Saksujo, al grafo Tolstoj, al Alfred Michaux (la Imperiestro kaj la saksa Reĝo respondis per telegramoj).

Aprobi la raporton de la Konstanta Komitato de la kongresoj ; aprobi projekton pri Kongresa Kaso, proponitan de la Konstanta Komitato (oni elektis kuratoroj : Mudie, Mybs kaj gen. Sebert) ; aprobi post raportoj de Privat kaj de la Asocio de instruistoj, proponon pri Internacia Atesto pri kapableco (G. Moch) ; aprobi fondon de Oficiala Gazeto Esperantista kiel organo de la Lingva Komitato kaj de la Konstanta Kongresa Komitato ; resendi al U. E. A. proponon pri fondo de Esperanto—Domoj por junuloj (Privat) : aprobi fondon de Instituto de Esperanto por organizo de normalaj lernejoj kaj por diplomoj ; forigi demandon, diskutitan jam sen rezultato de Geneva Kongreso, sed malfacile solvotan pri esp. festotago (O. Simon) kaj demandon pri esperanta neŭtra lando (Roy) (1) ; aprobi raportojn de la Lingva Komitato, de la

(1) S. Roy proponis elekti urbeton Moresnet,malgrandan landon, kuŝantan inter Belgujo, Germanujo kaj Holando, sed plene neŭtran ne enigitan en neniu de tiuj ĉi regnoj, — kiel neŭtra lando por esperantaj komercaj, sciencaj k. a. institucioj. Esperantiginte la loĝantojn ni tiamaniere estus kreontaj kvazaŭ esperantan memstaran staton. Tiu ĉi projekto ŝajnis tamen al multaj Esperantistoj iom danĝera pro sia politika karaktero.

Akademio kaj de la Int. Scienca Asocio, aprobi proponon de fondo de speciala societo por helpi al la agado de la Centra oficejo (Chavet) ; aprobi proponon, ke la lokaj Kongresanoj portu specialajn signojn, kiel interpretistoj (G. C. Moch) ; akcepti proponon pri reorganizo de la Konstanta Komitato, kiu de nun konsistos el prezidanto, ĝenerala sekretario, 2 membroj de ĉiu kongreso estanta, 2 de la antaŭa kaj 2 de la estonta — tiuj ĉi lastaj elektotaj de la loka organiza Komitato. Estis elektitaj : Sebert, prezidanto, kol, Pollen, Mudie — por la Cambridge'a Kongreso, Mybs, Schram por la Dresdena, G. Moch — ĝenerala sekretario.

Oni decidis fine organizi la sekvantan Kongreson en Ameriko (laŭ invito de Farman) kaj samtempe duan en Hispanujo (invito de Pujula, Kataluno kaj de Perigordo, Hispano).

Post la Kongreso multaj esperantistoj laŭ invito de Bohema Esperantista Unio vizitis belan, « oran » Prahon, ĉefurbon de Bohemujo, aliaj Berlinon. En ambaŭ urboj ili estis kore akceptitaj de esperantistoj. En Berlino la ministro de publika Instruado akceptis, kiel reprezentantojn de Esperanto : d-ron Zamenhof, d-ron Mybs, gen. Sebert, prof. Boirac, d-ron Kroita, Moscheles, kol. Pollen, Van der Biest, Frenkel, Sabadell, d-ron Ostrovski, Sandström, — kaj priparolis kun ili demandon pri Esperanto en lernejoj.

---

La kvina kongreso estis organizita en Barcelono de la Loka Komitato: Fr. Pujula y Valles, prez ; Alf, Sabadell, vicepr, Gayet, Balselles, kasisto ; Germaine Rebours de Pujula, sekretariino ; D-ro Bremon Masgrau, R. Claramunt, Sales Balmes, C. Bourlet.

En la patronaro de la Kongreso ni vidis Alfonson XIII, reĝon de Hispanujo, Karolon de Burbon, A. Maura, prezidanton de la Ministraro, ministrojn, provinc- kaj urbestrojn, profesorojn, redaktorojn k. a.

Krom tio, Manuel Allendè Sallazar, ministro pri eksterlandaj aferoj, de Hispanujo, per ĉiuj Hispanaj ambasadoroj invitis ĉiujn registarojn sendi oficialajn delegitojn al la Barcelona Kongreso. Al tiu invito respondis favore la registaroj, kies delegitoj estis : Van der Biest-Andelhof kaj Oscar Van Schoor (Belgujo), Francisco Lopez de Augusta (Meksikio), Schybbie (Norvegujo), Herbert Harris, Edwin Reed, (Usono). Kiel oficiala delegito de societoj, ĉeestis Wicart — de la konfederacio de komerco kaj industrio de Francujo.

La urbo Barcelono oferis al la Kongreso monan helpon da 2500 pesetoj, la rektoro de la universitato — plenan liberan uzon de la universitata palaco, la komerco ĉambro — belega salo de la Borso.

La oficiala malfermo okazis la 6an de septembro 1909 en la Barcelona Palaco de Belartoj. D ro Mybs, prezidanto de la antaŭa kongreso malfermis la kunsidon, proponante elekti kongresan

estraron. Estis elektitaj Pujula y Valles, prezidanto ; Perigordo, Sabadell — vicprezidantoj ; G. Chavet, S ino Germaine Rebours de Pujula — sekretarioj, kaj 38 — naciaj delegitoj. (1)

Telegramoj estis senditaj al la Reĝo Alfonso XIII. (2) al princo Karlo de Burbon, al ĉiuj Ministroj, al la reĝo de Saksujo, kiel protektanto de la kvara Kongreso. Post la malfermo Sairet, urbestro de Barcelono kaj naciaj delegitoj salutis la kongresanojn. Oficiale aliĝis al la Kongreso : urboj — Carcagente, Sant-Esteba, Terrassa, Valencia, Vilanova y Geltru ; societoj : Instituto Catalan de les arts del libre ; Unio Catalanista ; Akademia de Farmaceutich ; Ateneo enciklopedich populare ; Societo Catalanuya Vella de Sabadell ; Societat Vegetariania de Barcelona ; Societat de atraccio de Forasters ; Societat protectora d'animals ; Academio de Medicina. En la kongreso partoprenis ĉirkaŭ 1300 Esperantistoj.

Dum kvar laboraj kunsidoj (6. 9. 11 de Septembro) estas priparolitaj demandoj :

Pri propagando, Mann, Blaise, Mudie, Cart, Allende, Privat faris interesajn komunikaĵojn ; insignojn esperantajn prezentis Centra Komercujo por Esperanto ; la grupo de Godesberg raportis pri sia intenco krei konstantan restadejon por esperantistoj ; pri esperanta gazetaro parolis, Beck, Chavet.

La propono, ke esperantistaj diverslandaj societoj elektu, per proporcia balotado, Internacian Konsilantaron, kies celo estos zorgi pri financaj rimedoj de la Lingva Komitato kaj de la Akademio, estis aprobitaj ; estas esprimita deziro, ke la Biblia Brita Societo eldonu esperantan tradukon de la Sankta Skribo ; fine, — estas deciditaj landoj por la du sekvantaj kongresoj : por 1910 — Usono, por 1911 — Belgujo. Por tiu ĉi lasta kongreso oni elektis membroj de la Komisio : Van der Biest, kaj Oscar Van Schoor.

Post la kongreso, Zamenhof kaj multaj kongresanoj, laŭ invito de la prezidanto de la esper. Societo en Valencia, Inglada, vizitis tiun ĉi urbon.

---

(1) Novaj el : Koŝinĥinujo, Peruvio, Argentinio, insulo Samos ; el Hispanujo apartaj de Astura, Kataluna, Kastila, Valencia, Vaska lingvoj ; el Bosnio, Dalmatio, Gibraltario, Turkujo, Maltio. —

(2) Jen teksto de la respondoj : « Komandanto de Halebardistoj al Ĝeneralestro de Katalunujo : Moŝto la Reĝo dankas afablecon kaj sendas estiman saluton al d-ro Zamenhof kaj fremdaj esperantistoj. » Krom tio propramova telegramo de la reĝo Alfonso XIII : « de la Privata Sekretario de la Reĝo : Moŝto la Reĝo ordonos al mi esprimi al vi kaj al Kongreso sian varman dankon pro afabla telegramo. « De la Ministro : » la Registaro de la Reĝo dankas la afablan saluton kaj sendas dezirojn por la efikeco de la kongreso al kulturo kaj paco inter homoj » Zamenhof estis nomita Kavaliro de la ordeno de Isabelo Katolika.

En la sekvanta jaro, respondante al invito de Usonaj Esperantistoj, — niaj plej fervoraj kaj — disponantaj libere sian tempon — samideanoj enŝipiĝis kuraĝe por trapasi Oceanon. Multaj dubis pri la sukceso de Kongreso en Usono, sed, kiel ni vidos, kvankam malpli multenombra, la Kongreso laboris laŭ modelo de eŭropaj kaj atingis plene sian celon, diris Zamenhof en sia malferma parolado.

« Lando de libereco, lando de estonteco, mi vin salutas. Lando pri kiu revis kaj nun ankoraŭ revas multaj suferantoj kaj senkulpaj persekutatoj, mi vin salutas ! Regno de homoj kiu apartenas ne al tiu aŭ alia gento aŭ eklezio, sed al ĉiuj siaj honestaj filoj, mi klinas min antaŭ vi, kaj mi estas feliĉa, ke la sorto permesis al mi vin vidi, kaj spiri almenaŭ dum kelka tempo vian liberan,de neniu monopoligitan aeron ! Saluton al vi,Usono, plej potenca reprezentanto de la nova mondo ! Ni venis, por alporti novan kuraĝon al tiuj niaj samideanoj kaj samidealanoj, kiuj ĝis nun laboris inter vi, kaj kies vortoj pri ia nova popolo eble ŝajnis al vi tro fabelaj. Peco de tiu miksdevena kaj tamen lingve kaj kore unuigita popolo nun staras antaŭ vi reala kaj vivanta. Al tiu nia laborado, kiu celas krei iom unuigitan, sekve fortigitan kaj spirite altigitan homaron, ni nun invitas vin, filoj de Usono. Kaj ni esperas, ke nia voko ne restos vana, sed ĝi baldau eĥoe resonos en ĉiuj anguloj de via lando kaj tra tuta via kontinento. Antaŭ vi, praktikaj Amerikanoj, mi volas analizi alian demandon, nome : ĉu ni kun nia laborado staras sur vojo tute certa, aŭ ĉu ni povas timi, ke iam nia tuta laborado montriĝos vana ?

» La celo, por kiu ni laboras, povas esti atingita per du vojoj ; aŭ per laborado de homoj privataj, t. e. de la popolaj amasoj, aŭ per dekreto de la registaroj. Plej kredeble nia afero estos atingita per la vojo unua ; sed ĉiu komprenas tre bone, ke laborado de amasoj povas ĝin konduki al celo nur tiam, se ĉiuj laboras unuanime. La esperantistoj laboris dum longa vico da jaroj, multe laboris, multe oferis kaj kun tre granda malfacileco fine akiris tion, kio dum multaj miljaroj ŝajnis neakirebla kaj kio, unu fojon perdita, neniam plu reakiriĝus, ĉar la mondo perdus la tutan konfidon al la internacilingva ideo. Sekve, ĉiu prudenta komitato dirus al si : ni devas esti tre singardaj, por ke, anstataŭ akceli la aferon, ni ĝin ne pereigu por ciam.

» Ni povas labori trankvile ; ni ne devas malĝoji, se nia laborado estas iafoje tre malfacila kaj sendanka ; sur nia flanko estas ne sole la fajro de niaj sentoj, sur nia flanko estas ankaŭ la nerefuteblaj leĝoj de la logiko kaj prudento. Al la Sesa Esperantista Kongreso, kiu sendube enĵetos multe da semoj en la teron Amerikan, mi eldiras mian koran saluton. »

La solena malfermo de la Kongreso okazis en Washington, 15=an de Aug. 1910. Malfermis ĝin, laŭ kutimo, la prezidanto de la antaŭa Kongreso — kapitano Perigordo. En la estraro estis

elektitaj : J. J. Barrett, prezidanto; D-ro Yemans kaj d-ro Ivy Kellerman-Reed, vicprezidantoj ; Gabriel Chavet, Ed. C. Reed — sekretarioj ; Mann, Rollet de l'Isle, Mybs, Perigordo, naciaj vicprezidantoj kaj 30 naciaj delegitoj. (1)

Oficialajn reprezentantojn alsendis 16 registaroj : Brazilio, Ekvatorio, Gvatemalio, Hinujo, Hispanujo, Honduras, Kosta — Rikio, Meksikio, Persio, Rusujo, Urugvajo, departamentoj de la tera kaj marista militistaro de Usonio, ŝtatoj Karolinio, Floridio, Luisiana, Oregonio. Oficiale reprezentitaj estis ankaŭ: la Amerika Ruĝa Kruco, la Internacia oficejo de Amerikaj Respublikoj. Neoficiale : la departamento de internaj aferoj de Usono, kaj la Rusa ministrejo de komerco kaj industrio kiu komisis delegiton raportinton. Salutita per telegramo, la prezidanto de Usono, Taft alsendis » plej bonajn dezirojn por la sukcesoj de la Kongreso. » La Amerika Federacio de laboro, Katolika Esperantista Unuiĝo, Universala Ligo, Teosofia Asocio, Baha movado — salutis Kongreson per siaj neoficialaj reprezentantoj.

Dum kvar laboroj kunsidoj (15, 17, 20 de Aŭg.) oni priparolis kaj decidis : resendi al la Lingva Komitato proponon de Holanda Societo, ke la Lingvkomitatanoj estu elektitaj de la naciaj societoj ; aprobi rezolucion de Usona Kongreso de Paco nomi internacian komision por celoj de universa paco.

Pri la propono de Twombly kaj Scott : nomi la nunan Kongreson — naŭa, ĉar antaŭ niaj kongresoj okazis jam tri kongresoj de volapukistoj, — kaj sendi esprimon de respekto al Schleyer, aŭtoro de Volapuk, - la kongreso decidis, ke kvankam Schleyer ĉiam havis estimon de Esperantistoj, tamen hodiaŭ ne ekzistas sufiĉa preteksto por akcepti tiujn proponojn.

La raportoj de la Konstanta Komisio, de la Lingvo Komitato, de la Akademio, de la Scienca Asocio — estis aprobitaj. La Kongreso esprimis dankon al la prezidanto de la Aga Komitato de Universa Ekspozicio en New-York 1913, kiu invitis Esperantistojn interesi pri ilia afero Kongreson de reprezentantoj de ĉiuj parlementoj, kiu estos organizita en 1913.

La Kongreso esprimis deziron, ke landoj, kiuj ĝis nun ne elektis delegitojn al Internacia Konsilantaro, fondita dum la antaŭa Kongreso, faru tion eble plej frue kaj ke la elektitaj Konsilantoj tuj komencu sian laboron, uzante Oficialan Gazeton por publikigi siajn komunikaĵojn.

Pri loko de estontaj Kongresoj estis prezentitaj diversaj invitoj : el Rusujo, el Krakovo por 1912, el Italujo por 1913, el Parizo por 1914, el New-Orleans kaj San-Francisko por 1915 : la Kongreso resendis ĉiujn proponojn al esploro de la Konstanta Komisio.

(1) Austrio, Kroatio, Britujo, Skotujo, Irlandio, Kimrio : Francujo, Germanujo, Gibraltario, Hispanujo, Maltio ; Rusujo, Litovuio, Polujo ; Svisujo, Hindujo, Sudafriko, Brazilio, Kanadio, Meksikio, Ĉilio, Porto-Rikio, Peruvio, Urugvajo, Usonio, Filipinaj insuloj, Australio.

Fine, kapitano Postnikov, petis sendi al li informojn kaj sciigojn por raporto pri la Kongreso, kiun li devas fari al la ministro de industrio kaj komerco en Rusujo. (1)

Dum ĉiuj kongresoj estis organizitaj festoj, el kiuj, ni ne povas forgesi en tiu ĉi kroniko de la esperanta movado, kelkajn notındajn faktojn.

En Dresdeno post la oficiala Kongreso estis aranĝita « Festo de la Revuo ». monata gazeto, bonege redaktita de prof. G. Bourlet, okupanta unu el honoraj lokoj en nia gazetaro. En Jaro 1908 « La Revuo anoncis tri konkursojn : por la plej bona epilogo al noveleto : » Ĉu virgulino, ĉu tigro' de Stokton, — rakonto kvazaŭ interrompita en sia plej interesa momento ; dua konkurso konsistis en elekto per voĉdonado de la legantaj de la Revuo — de plej bona post Zamenhof esperanta stilisto kaj de lia plej bona verko ; la tria konkurso estis difinita por la plej bona verskvaro. Dum la « Festo de la Revuo » estis publikigitaj la rezultatoj : en la unua konkurso estis premiita — d-ro S. Krukowski (Varsovio) ; en la dua — plejmulton da voĉoj ricevis d-ro Kazimierz Bein (Varsovio) kaj lia traduko de « Faraono » de B. Prus ; ambaŭ laŭreatoj estis Poloj kaj la verko premiita estis ankaŭ verko de Pola aŭtoro. Pro tio kelkaj nomis Dresdenan kongreson — Polan tagon en Esperantujo : el 9 elektitaj akademianoj 2 estis Poloj : Bein, Vicprezidanto,Grabowski,direktoro de la gramatika komisio. Unu el la ĉefaj herooj de la kongreso estis sendube Emanuel Reichel : li ankaŭ estis naskita en Pola ĉefurbo Krakovo. La unua monarka, kiu oferis al esperantista kongreso sian altan protekton, Frederiko-Aŭgusto, reĝo de Saksujo, estas pranevo de la lasta polo reĝanto, ankaŭ Frederiko-Aŭgusto, grandprinco de Varsovio ĝis 1815 ; liaj avoj reĝis en Polujo preskaŭ dum la tuta XVIII jarcento, ankaŭ du Frederikoj Augustoj IIa kaj IIIa (1703-1772). En Dresdeno unuan fojn kunvenis Polaj Esperantistoj el ĉiuj tri regnoj : Rusujo, Austrio, Prusujo... tio estis ankaŭ malnova tradicia kutimo. Ĉar ankaŭ en Dresdeno kunvenis multfoje Polaj elmigrintoj el ĉiuj partoj de Polujo kiuj tie trovis rifuĝon dum polaj revolucioj... Interesa kuntrafo de cirkonstancoj.

En la tria konkurso estis du laŭreatoj : prof. P. Christaller = (Stuttgard), L. Elb (Koĉenbroda).

(1) Ni notu ankoraŭ, ke la nombro de enskribitaj kongresanoj estis 357 : el 35 statoj de Usono 274, el Sud — Ameriko — 10, el Kanadio — 5, el Afriko — 2, el Aŭstralio — 2, el Ĥinujo — 2, el Francujo — 17, el Anglujo — 14, el Hispanujo — 9, el aliaj eŭropaj landoj — 22.